2.ª Ep. AÑO VI N.º 30 (166) - MARZO - ABRIL 1968




DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

# POSTKONGRESO EN ZARAGOZA

Placo España
kaj avenuo Independencia

BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

Str. Torre Nueva, 30, 1.° ZARAGOZA
Redacción y Administración:
Secretaría: Marina Moreno, 35, 4.° Dcha.
Director: Domingo Martínez Benavente

ADRESOJ

Hispana Esperanto Federacio
Prezidanto:
Dro. Miguel Sancho Izquierdo
Str. Torre Nueva, 30, 1.°
ZARAGOZA

Ĝenerala korespondado:
Sekretariino:
Inés Gastón
P.° Marina Moreno, 35, 4.° Dcha.
ZARAGOZA

Monsendoj:
Kasistino:
María Pilar Gómez
Str. Bolonia, 14, 1.°
ZARAGOZA

Sendaĵojn pri statistiko kaj informado al:
S-ro. Salvador Aragay
Str. Arce, 8
CORNELLÁ (Barcelona) Hispanio

Libroservo:
Sekretariejo de H. E. F.
P.° Marina Moreno, 35, 4.° dcha.
Ĉekkonto: n.° 14114, Banco de Bilbao
ZARAGOZA

Jarkotizo por eksterlando: 100 ptojn.

La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H. E. F., escepte en okazo de oficiala komuniko; do pri la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

## De secretaría

Con motivo de la organización del LIII Congreso Universal, la Federación Española de Esperanto —como todos ya sabéis— no organiza su Congreso anual. Para facilitar que el mayor número posible de miembros de la misma, pueda asistir a la Junta General de la Federación, ésta se celebrará en Madrid, uno de los días de la semana del Congreso.

Como todos los años, en el momento oportuno se distribuirán las convocatorias para la misma. Mientras tanto, en cuanto se tenga decidida la fecha se comunicará por medio del BOLETIN.

Según noticias recibidas, en este segundo período de inscripción para el Congreso Universal, vamos más despacio que en el anterior en cuanto a recibir inscripciones de esperantistas españoles se refiere, esperemos que en estos días que quedan si no alcanzamos la cifra que en el período anterior, por lo menos nos aproximemos a ella. No defraudemos a nuestros compañeros de Madrid que con tanto entusiasmo trabajan.

## deziras korespondi...

RUMANUJO. — Sfintu Gheorghe. str. Banki Donat. nr. 49/a ap. 16 R. S. Romania, Sro. Könczei Rozalia, okaze de la fino de la unua kurso deziras aranĝi letervesperon. Sendu multnombre poŝtkarton kaj leteron. La letervespero okazos fine de Majo 1968. Respondo al ĉiu letero garantiata.

HUNGARUJO. — Uttöröház. Majus 1. u. 3. Budapest XIV. Dr. Kusztos Dénés. Komencantaj esperantistoj deziras korespondi por ekkoni vian vivformon, kulturon, landon kaj popolon.

BULGARUJO. — Iskar 46, Sofio-C. Canko Murgin, deziras korespondi pri diversaj temoj kaj interŝanĝas esperantajn librojn kaj gazetojn. Nepre respondas.

MENDU JAM:

| | | |
|---|---|---|
| Belajn glumarkojn de la 53-a U.K., folio 10 glm. | 8,— | ptojn. |
| Plurkolorajn bildkartojn «Nia Sinjorino de la Espero», unu ekz. | 3,— | » |
| Bildkartojn «Patro nia» unu ekz. | 2,— | » |
| Poŝtkartojn kun Esperanto-alegorio, deko | 6,— | » |
| Kovertojn kun la teksto «Esperanto, la Lengua Internacional» deko | 5,— | » |
| Insignojn (rondaj kaj stelformaj, pinglaj kaj butonaj), unu | 8,— | » |
| Insignojn kun teksto Esperanto parolata (pinglaj) | 35,— | » |
| Afiŝetojn kun teksto Esperanto parolata (glueblaj) | 14,— | » |
| Insignojn ovalajn, rondajn kaj stelformajn (glueblaj), unu | 8,— | » |

# INVITO



Denove mi invitas vin por ke vi venu al Zaragoza, sed nun mia invito estas, ne nur por la hispanaj esperantistoj, kiel okazas kiam mi invitas partopreni niajn naciajn Kongresojn. Ĉijare mia invito estas ankaŭ por ĉiuj eksterlandaj samideanoj kiuj partoprenos la 53an. Universalan Kongreson en Madrid, al ĉiuj ni atendas kun malfermitaj brakoj por ĉirkaŭpreni ilin.

Aragón, lando ĉiam afabla kaj gastama, kaj Zaragoza ĝia ĉefurbo, sentiĝas tre honorigitaj pro la decido de la estraro de U. E. A., okazigi en ĝi la Postkongreson.

La Hispana Esperanto Federacio kiu havas en Zaragoza sian sidejon, kaj ĉiuj zaragozaj esperantistoj konsciaj de ilia respondeco ne ŝparas penojn, kontraŭe en sindona, senpaŭza laboro, klopodas sukcesigi la Poŝtkongreson, por tiamaniere danki la honorigon kaj konfidon ricevitajn.

*La Prezidanto de H. E. F., de «Frateco»*
*(Esperanta Societo de Zaragoza)*
*kaj de L. K. K.*

*M. SANCHO IZQUIERDO*



*Nun, kiam ni atendas la viziton de niaj samideanoj el la tuta mondo, ni pensis ke povus esti interesa por niaj geamikoj, aŭdi iom pri la tielnomata "Vojo de l' Kiĥoto". Tial ni represas intervjuon faritan de Renom Flores al hispan-amerika studento, kiu rajde trakuris la Vojon.*

# TRA LA VOJO DE L'KIĤOTO

Renom Flores



Du hispan-amerikaj studentoj: Pablo Jaramillo, de Loja kaj José Carrera, de Ambato; kaj du hispanaj universitatanoj: Juan Navarro Romero kaj Alfredo López Calderón, pasiaj legantoj de l' «Kiĥoto» enamigataj de la aventuroj de la Haluzinato trakuris sur rajdbestoj la Cervantesajn vojojn, laŭ la teksto de Astrana-Marín.

Ilia celo estis detale observi la regionan panoramon, persone proksimiĝi al ĉiuj Cervantesaj vilaĝoj kaj lokoj, kelkiuj estas apartigataj el la ĉefaj komunikaj vojoj.

La vojirado estis longa, sed emocia: Manzanares, La Solana, La Alhambra, Villanueva de los Infantes, Lagunas de Ruidera, Cueva de Montesinos, Campo de Montiel, k.c.

Ili projektas poste publikigi libron ilustritan pri tiuj personaj spertoj, kiujn oni publikigos en diversaj gazetoj kaj revuoj de Hispanujo kaj fremdlando. Sed ĝis tiam, kiam ili tion efektivigos, ni pensas ke estas interese aŭskulti la impresaĵojn de unu el ili, de Pablo Jaramillo, Jura studento, kiu nune preparas lian doktorecan tezon.

*La Kaŭzoj.*

1.ª Kiaj kaŭzoj movis vin fari vojaĝon rajde tra la Kiĥotaj vojoj?

—Vi ja scias ke Don Kiĥoto de Manĉujo faras unu el la grandaj simboloj de la Homaro. Liaj aventuroj de haluzinato funde ankaŭ gardas la grandan ĥimeron de la korcerta homo; la ama epizodo, ne ĉiam malsukcesinta, tra la malfacilaj vojoj de la homa espero. Unu el la unuaj kaŭzoj por la vojirado, estis koincidi kun José Correa Paredes en la malnova dezirego de lernanto iafoje konduki nian scivolemecon tra tiu universala terpeco de Manĉujo. Tie ĉi en Hispanujo, tiu ideo maturiĝis per novaj objektoj: la aktualeco de la temo «La Kiĥotaj vojoj» en la ĝenerala literaturo, kaj precipe kaj vaste en la *Historia eseo* kaj la *Literatura Kritiko* vekas sufiĉan intereson por viziti, simple, kvazaŭ amatoro, la lokojn kiuj estis la scenejo de la Cervantesa inspiro. Alie speco de persona prefero, modesta sed sincera por alesti al tiuj oportunaĵoj kie oni pretendas kaj oni intencas retrovi la perspektivojn de la homo el edita angulo de homaranismo, de filozofio, purigita de malamo, de poezio por ĉirkaŭpreno de komprenemo. Ni formis, do, la grupon kun du hispanaj universitatanoj —Juan Navarro Romero kaj Alfredo López Calderón— mi devas elstarigi la grandan entuziasmon de José Correa Paredes, pasia leganto de l' Kiĥoto, posedanto de brilantaj iniciatoj, kiu kontribuis al la plena sukceso de la ekspedicio. La vojirado rajde, estis por havigi al ni la facilecon detene observi la regionan pejzaĝon, samtempe permesante al ni la aliron al ĉiuj vilaĝoj kaj Cervantes-karakteraj lokoj, el kiuj kelkaj estas apartigataj de la ĉefaj komunikaj vojoj.

*La vojirado.*

2.ª Kiu estis la vojirado? Ĉu vi sekvis la tekston de Astrana-Marín?

—La vojiro estis tia: Manzanares, La Solana, La Alhambra, Villanueva de los Infantes, Lagunas de Ruidera, Cueva de Montesinos, Campo de Montiel, Argamasilla de Alba, Tomelloso, Socuéllamos, Mota del Cuervo, El Toboso, Quintanar de la Orden, Campo de Criptana, Alcázar de San Juan, Herencia, Puerto Lápice, Daimiel, Almagro, Ciudad Real, Fuencaliente, Tirteafuera, Viso del Marqués, Solaba del Pino, Hortozuelas, Almuradiel kaj Madrid, krom la interaj vilaĝoj. Same en la restadlokoj kiel en la trairlokoj ni povis vidi monumentojn, historiajn rememoraĵojn, Cervantesajn motivojn kaj ceterajn kulturajn kaj artajn atestojn tie gardatajn. Dum nia marŝado ni konformiĝis al la interpreto de la teksto de Astrana-Marín, kiu, inter aliaj traktatistoj, havas la plej kompletan kaj vastan serĉadon sciencan kaj dokumentan pri La Kiĥoto.

*Plej granda malfacilo.*

3.ª Kiu estis la plej granda malfacilo?

—Malfacilo, ĝuste, neniu. La malkomforto, kiujn la fizikaj klopodoj supozigas por tia entrepreno, estis pli ol kompensataj per la senmezura simpatio kaj koreco kiujn oni havigis al ni dum la irado. Vi mem povos ĝin dedukti el la vere ama recenzo farita de la Radioelsendo, la Televido kaj gazetaro de la tuta Hispanujo.

*Plej granda satisfakcio.*

4.ª Plej granda satisfakcio?

—Multaj. Ekzemple, tiun kiun ni sentis alvenante al «El Toboso» luliloko de Dulcinea, ĉe kies eniro oni legas skribaĵon kiu profunde emociigas, dirante: «Haltu, pilgrimanto. Tiu ĉi estas la patrujo de idealo.» Ankaŭ profunde nin kortuŝis scii ke la Provinca Deputitaro de Ciudad Real laŭdis plej bone nian vojiradon kaj nin honoris ĝin deklarante «Oficiala vojo» kaj ĝin proponante kiel gvidilon de ĉiuj poste farotaj. Dum la 1966ª printempo, la nomata Deputitaro oficiale inaŭguros Cervantesan vojon, kies iro sin apogas ĉie sur tiu kiun ni ĵus trakuris. Estas, tial, por ni la satisfakcio esti obtenintaj plej bonajn rezultojn en entrepreno ĝis neniam tiel farita.

*Iom pri la pejzaĝo.*

5.ª Iom pri la pejzaĝo?

—Ĝis antaŭ malmulte da tempo oni konsideris Manĉujon kvazaŭ vastega plano, seka, senherba kaj monstre monotona. Sed efektive nun ĝi estas malsama. Ni troviĝis antaŭ kortuŝanta pejzaĝo, ŝanĝanta, profunde emocianta. Krom Sierra Morena, kiu aspektas laŭ malgranda montaro, dense kaj brave arbara, la cetero de la verdiĝanta planaĵo, kun enspacataj arbaretoj, belegaj lagetoj (kiel estas la Ruideraj lagetoj), kaj tio kion la homa klopodo kaj la tekniko aldonis al la terkultura produktado, ĉar ekzistas tie grandaj plantejoj de olivarboj, vitoj kaj grenoj, kiuj malverigas tiun malnovan koncepton.

El la vojo, la plana limo perdiĝas en la senmezura spaco; aŭtune, la kamparo aperas matene mergata en vastega maro de malpeza nebulo kiu sfumas per la meztaga vento. Trakuri tiun kamparon rajde sen troa rapido prezentas la senton de libera izoleco. La timinda tera forto premas per ĝi mem, kaj kontraste, ĝi vastigas la spiriton, elementan kaj kosman. Ial Cervantes fantaziis per la supraj idealoj ne preterlasante tion mizeran kaj malvaloran kio ni estas.

*La popolo.*

6.ª Kaj la popolo?

—La Manĉaj vilaĝoj estas trankvilaj kaj laboremaj. Kora popolo de sanaj malnovaj moroj. Vi facile amikiĝas. Vi trinkas glason da vino kun ili, kaj tio estas same ol ili jam antaŭe interkonatiĝis. Ni dialogis kun diversinklinaj homoj; intelektuloj kaj membroj de Cervantesaj Societoj, el kiuj ni elserĉis datojn de la ĉeesto de Cervantes en tiuj regionoj, kun simplaj kaj vilaĝaj homoj, kiuj nin amuzis per la rakonto de mirigaj tradicioj kaj legendoj rilatantaj la imagatajn personojn de la romano.

7.ª Ĉu vi intencas publikigi ilustratan libron pri tiu persona eksperimento de la Vojo de l' Kiĥoto?

—Tia estas mia deziro, kvankam kun pretendo de libro. Nun ni laboras pri raportaĵoj publikigotaj eu diversaj hispanaj kaj fremdlandaj organoj. Ankaŭ ni projektas havi babiladon inter universitatanoj pri tiuj temoj. Poste ni deziras publikigi monografion kiel modesta aliĝo al ĉiuj omaĝoj preparataj okaze de la CCCL datreveno de la morto de Cervantes.

*La neviŝeblaj rememoroj.*

8.ª Ĉu rememoro neviŝebla?

—Ĉiu la ekskurso, el la komenco al la fino havis por ni memorigan karakteron Entute ĝi estas fakto kiun persone, ni neniam povos forgesi.

9.ª Iom plu?

—Varme danki la intervjuon. Ni laste vin petas konstatigi ke kiel Hispanamerikanoj ni nin sentas fieraj esti plenumintaj noblan kaj romantikan taskon, imponita de la admiro kiun ni gardas al la geniulo de la Hispana Literaturo.

Kiam ni adiaŭis, ni serioze pensis ke ankoraŭ ekzistas «Kiĥotoj» en la mondo, ke ankoraŭ estas fido, espero en la eternaj valoroj. Fine, ke ankoraŭ valoras iom vivi...

TRADUKIS: AMALIA NUÑEZ

# LA KAVERNO DE ALTAMIRA



La Kaverno de Altamira, unu el la plej gravaj el ĉiuj kiuj ekzistas en Hispanio, laŭ prahistoria vidpunkto, troviĝas en la provinco de Santandero, tridek kilometrojn malproksime, kaj apud de urbeto «Santillana de la Maro», kiu estas unu el la plej vizitindaj lokoj de la hispana geografio, pro ĝiaj kuriozaj antikvegaj palacoj kun ŝildoj, blazonoj kaj kuriozaj legendoj kaj, samtempe, pro ĝia famega Kolegia Preĝejo kun arta Klostro.
La kaverno troviĝas du kilometrojn malproksime de Santillana. Ĝi estis malkovrita de iu fama hispana arkeologo s-ro. Santuola, antaŭ ne multajn jarojn.

Tiu ĉi prahistoria kaverno en kiu oni povas admiri pentraĵojn de la surŝtona arto, estas konsiderata kiel la plej antikva el la mondo pro la singulara plafono de la paleontologia arto kaj ĝi meritis la surnomon de «Xistina Kapelo de la Kvaternara Arto».

Ĝi troviĝas en granda salono kiu mezuras 18 metrojn longa, kaj naŭ metrojn larĝa. La alteco de la plafono de tiu ĉi mirinda ĉambrego, ne troviĝas en sama nivelo ĉar ekzistas diferencoj inter 115 centimetrojn, kaj 2,65 metrojn. Sur ĝi estas pentritaj figurojn de bizonoj de diversaj mezuroj kiuj varias inter 1,40 kaj 1,90 metrojn. Kelkaj estas prezentitaj kiel en paca ripozado; aliaj, sub la noturaj akspektoj de la movado propraj de tiuj bestoj. La prahistoria pentristo, tre efike profitis la naturajn reliefojn de la rokoj por elstarigi per plej simpla arta maniero, la verecon de la figuroj kiuj abunde prezentiĝas kiel monumenta muzeo de la prahistorio en la kavernoj, en tiu ĉi de Altamira.

Estas multaj la figuroj kaj aliaj detaloj kiuj elmontras la eksterordinaran kvaliton de la materio kiun uzis la tiutempaj artistoj de la kavernoj, ĉar ekzistas tie kelkaj pentraĵoj de figuroj kiuj ankoraŭ konservas sendifekte la vivecon de la koloroj en ĝia plej pura primitiva kvalito de freŝeca substanco, ke eĉ en la unuaj tempoj depost la eltrovo de tiu ĉi kaverno, estis multaj specialistoj en arkeologio kiuj ne volis akcepti kiel denove retuŝitaj per nova farbo.

En tiu ĉi kaverno, ekzistas aliaj grotoj kun belegaj elmontraĵoj kaj oni povas observi la spurojn tre bone postsignitajn de la «Urso de la Kavernoj». En la plafonoj oni vidas strekojn faritajn per la fingroj sur la argilo, kaj sur la kornikoj, simplajn figurojn de diversaj bestoj. Estas abunda ankaŭ la nombro de graburaĵoj faritaj per ia akra pinto de fajrŝtono, kaj oni vidas kiel estas skrapita kaj polurita la supraĵo kiel preparado por la farbpentrado.

En ceteraj galerioj ekzistas multaj desegnoj kun simplaj figuroj de bovoj kun ĝibo, ĉevaloj, cervoj ktp., kiuj konsistigas mirindan montraĵon de la paleontologia arto. Pro ĝia tute nature ĉarma beleco, kun ĝiaj stalaktitoj kaj stalagmitoj de la plej kapricaj formoj, krom la singularaj pentraĵoj, oni povas konsideri la Kavernon de Altamira, kiel unu el la plej altvaloraj monumentoj de la pratempo en Hispanio.

*NOELGI*

# KAMPADEJO: GRAVA FAKTORO DE LA HISPANA TURISMO

La turista kampado, kiu naskiĝis kiel sporta rimedo por kompletigi la ekskursismon, tagon post tago atingis plian gravecon, ĝis la fakto ke, el simpla helpilo ĝi transformiĝis en celon, tiel konsistigante specifan kaj sendependan agadon. Precipe, ekde la lasta Mondmilito, kaŭze de pli granda emo por subĉiele libera vivo, aliĝo al la turista movado de vastaj sociaj sektoroj kaj plimultigo da privataj transportiloj, kampadi liberaere sur grunda terspaco, taŭge pretigita por tiu celo, prezentas sin kvazaŭ nova formo de loĝado, kio estas motivinte universalan agnoskon pri sia graveco.

Pro la beleco de ĝiaj pejzaĝoj, multnombraj plaĝoj kaj malavara suno, kvalitoj, ĉiu el ili, kiuj paradizigas iun ajn lokon, kaj kiujn Hispanio posedas abunde, la hispana Turisma Subsekretariejo, dependanta de la Informa kaj Turisma Ministerio, tuj rimarkis tiajn egajn avantaĝojn super aliaj landoj kaj starigis specialan Komitaton por ke ĝi dece direktus tiun ĉi eksterordinaran turisman riĉecon.

Por tiu celo, oni kreis la Agrupación Nacional de Camping de España (A. N. C. E.), fondita en 1957 pro malapero de la C. E. C., grupo dediĉita de antaŭ multaj jaroj al tiu fako. Ekzistas en Hispanio, pro la pliigo de kampadejoj, tre granda kvanto da grupiĝoj, ĉiuj aliĝintaj al la A. N. C. E., kiuj konkuras por ke ĉiu tendarejo atingu la deziratan prestiĝon, en kaj for de la hispana teritorio.

La plej granda kvanto koncentriĝas ĉe la Costa Brava (Klifa Marbordo), kies nombro superas al tiu de la restanta duoninsulo; ĉiuj kun modelaj instalaĵoj, provizitaj per modernaj senĝenaj komfortaĵoj por siaj kampadantoj; granda trinkejo-restoracio, ne tro multekosta, kie kompleta tagmanĝo neniam superas kvindek pesetojn, ne forgesante ke la plimulto el la kampaduloj preferas mem kuiri kaj, pro tio, ili ĝuas superhalon, kie oni povas akiri ĉiajn nutraĵojn. La higienejoj estas tre kompletaj, tial ke ili enhavas necesejojn, vicon da lavujoj, individuajn duŝojn kun varma kaj malvarma akvo kaj urĝan kuracilaron.

En ĉiu hispana kampadejo estas rimarkeblaj la perfektaj instalaĵoj pri lumigado kaj trinkebla akvo en la tuta tereno, same kiel ampleksa banbaseno kaj sportejo, en tiuj kiuj situas interne de la lando, kaj vasta spaco da strando por ekskluziva uzado de la tendaruloj en la aliaj kuŝantaj apudmare.

Inter aliaj komfortaĵoj de la kampadejoj estas, luado de elektraj lavmaŝinoj kaj gladiloj, telefono kaj poŝtoficejo, aŭtopurigado kaj konstanta transportservo inter tendarejoj kaj urboj pli proksimaj. Estas ankaŭ por la servo de la kampaduloj, kompetenta personaro konsistanta el akceptantoj, pordistoj, gardistoj kaj tiuj por purigado kaj konservado.

La kategoria klasifiko de hispanaj kampadejoj estas malsama ol tiu de la restanta Eŭropo, tial ke en Hispanio oni ne permesis instali kampadej-restoraciojn, nek kampadejojn el tria aŭ kvara klaso, tre oftaj en aliaj landoj. Tiu regulo estas nur, ĉar la prezo de la unua kaj duaklasaj estas multe pli malmultekostaj ol tiuj similaj en aliaj eŭropaj landoj kaj, pro tio, oni ne bezonis krei malsuperajn kategoriojn.

Prezoj, pli malpli, estas la jenaj: Ĉiu persono po 15 pesetoj por tago; infanoj 12 pesetoj (kelkfoje senpage); aŭtomovilaj restadoj 15, motorcikloj 5, aŭtoĉaroj 40, aŭtohaŭloj, ordinare, senpage, kaj karavanoj 20 pesetoj.

Estas konsiderinda la nombro de turistoj ĉiujare alfluantaj, proksimume po 12.000 personoj por tendarejo, kiuj ŝatas praktiki turismon en Hispanio por tiu moderna kaj sporta sistemo. El ili, 30 % estas francoj kaj laŭ descenda linio, germanoj, angloj, belgoj, nederlandanoj, skandinavoj, italoj, portugaloj, amerikanoj kaj hispanoj.

Unu el la kialoj pro kio la hispanoj okupas la lastan lokon inter la alfluantaj kampaduloj estas ke, preskaŭ la tuta junularo aniĝinta al la grupiĝoj iras eksterlanden.

## *Kiu rajtas plendi?*

Ofte gepatroj plendas pro la sinteno de siaj gefiloj.

«Kiam mi estis en la aĝo de miaj gefiloj, mi agis tute alie kiel ili kondutas nun.»

«Mi neniam kuraĝus peti, des pli malmulte postuli, de miaj gepatroj ion ajn; mi simple jesis okaze de ilia promeso pri ĉi tio aŭ tio.»

«Kiel mi kuraĝus fumi antaŭ miaj gepatroj?»

Kutime patroj kaj patrinoj esprimas per tiaj diroj sian ĉagrenon.

Kion fari?

Eble la pensoj de la patro kaj de la patrino sin direktas iom kaŝe unu kontraŭ la alia.

«Vi ne rajtas plendi: Kompreneble vi subtenas la hejman ekonomion; vi laboras matene, vespere kaj eĉ nokte por ke ni ĉiuj vivu dece, komforte eĉ lukse... sed ĉu vi ne vidas min laboranta kontraŭ mia tajpilo ĉe la entrepreno de S-ro Poluk por ke mi povu aĉeti miajn ŝtrumpojn, farbojn, modĉapelojn, peltojn...?»

Eble la edzino tiel pensas; sed ĝuste tia ekonomia aŭtonomio de la edzino pelas ŝin ne plene rekoni la sendube necesan ekzemplan submetiĝon de la virino al sia edzo.

Foresto de tia ekzemplo, kiu ankaŭ ekzistas, pro virina kopiemo, eĉ kiam la edzino apenaŭ zorgas pri la hejma purigado, estas subkonscie kaptata far la gefilaro: «En mia hejmo neniu regas; do mi ankaŭ ne povas esti regata de iu ajn.»

Ne serĉu plu: El la supro venas ĉiam la normo.

Vi eble konas familion kies gefiloj ankoraŭ ne «jejeiĝis». Se vi atente rigardas, tie vi vidos tute submetatan edzinon al inda edzo.

*E. M.*

---

Unue, oni pensis pri pli granda alfluo al tiuj kampadejoj, fare de la junularo; tamen, la sperto montris ke, tiu turisma sistemo ne estas junulara prerogativo, sed, male, ĝi liveras mirindajn eblecojn por ĝuado de aero, maro kaj suno al tiuj, kiuj jam fariĝis plenaĝuloj.

Motivas la eksterordinaran akcepton de tiu sistemo, flanke de alilandanoj, la komforto, malalta prezo kaj moderneco de la instalaĵoj, kio eĉ estigis surprizon en tiuj landoj kiuj jam havas longan sperton pri tia turisma specialaĵo, kiel Italio kaj Francujo.

Ĉar multaj esperantistoj el diversaj landoj skribis demandante pri kampadejoj apud Madrid, mi sciigas vin ke laŭ informoj ricevitaj de niaj madridaj samideanoj, en Madrid estas kampadejo OSUNA, 8 km. de la urbo kaj kampadejo CASTILLA 13 km., en kiuj ni povos rezervi lokon por esperantistoj se ili sin anoncas ĝustatempe,

Por la esperantistoj kampadistoj kiuj post la Kongreso deziros partopreni la Postkongreson en Zaragoza, mi informas ke kampadejo HELIOS situas en la urbo mem apud rivero Ebro, kaj kampadejo CASABLANCA.

---

*La solvo*: «Hispanio por vi amiko».

*Helpvortoj*: 1. Honti. — 2. Situi. — 3. Psiko. — 4. Drapo. — 5. Anaro. — 6. Naski. — 7. Ikono. — 8. Ponto. — 9. Polko. — 10. Aroki. — 11. Povra. — 12. Volbi. — 13. Ibera. — 14. Marto. — 15. Morti. — 16. Taski. — 17. Kokso. — 18. Hokeo.



En la lasta n-ro sur p. 4 du artikoletoj de MEZ tuŝis la demandon de bibliotekoj. Mi deziras ĝin ĝeneraligi.

En multaj landoj ĉiu presejo laŭleĝe *devas* certan kvanton de ĉiu publikaĵo sendi al iu oficejo, kiu disponigas la ekzemplerojn al la plej gravaj publikaj (precipe ŝtataj) bibliotekoj. Tiamaniere multaj gravaj bibliotekoj posedas ĉiujn Esperantajn publikaĵojn aperintajn en tiu lando.

Plej ofte la esperantistoj tion ne scias, aliaj povas ilin ricevi el la biblioteko de sia klubo aŭ mem havas ilin. Pro tio neniu postulas Esperantajn publikaĵojn en publikaj bibliotekoj, kaj tiuj, tuj post la ricevo formetas ilin en iun kaŝejon. Kompreneble, ĉar neniu interesiĝas pri Esperantaj eldonaĵoj, la biblioteko ne havas kaŭzon mendi tiujn kiuj aperas en aliaj landoj.

La biblioteko kies klientoj interesiĝas ekz. pri francaj libroj kaj legas ilin, certe havigas al si multajn. Certe ĝi farus tion ankaŭ pri Esperantaj libroj. Evidente nur ni esperantistoj kulpas ke la publikaj bibliotekoj ne aĉetas Esperantajn eldonaĵojn. Ĉu ni povas tion ŝanĝi? Kompreneble ni povas, sed ne sporade unuopuloj propainiciate. Se ni ĉiuj interkonsentas transpreni malgrandan taskon, ni certe sukcesos. Jen la taskoj kiujn senescepte ĉiu facile povas plenumi:

a) Ĉiumonate almenaŭ unu fojon viziti ĉiun publikan bibliotekon en la urbo postulante iun Esperantan libron aŭ revuon —precipe iun freŝe aperintan kaj kiu onin vere interesas. Kunporti la precizan titolon kaj adreson de la eldoninto sur slipeto, kiun oni transdonu se la biblioteko ne disponas pri la eldonaĵo.

b) Instigi ĉiujn aliajn esperantistojn de la urbo fari la samon, kompreneble ĉiu postulu libron kiu interesas, prefere librojn aperintajn en aliaj landoj.

Se ni tion senlace faros almenaŭ unu jaron, la biblioteko ne povas resti surda al niaj postuloj kaj komencos interesiĝi pri Esperantaj libroj kaj revuoj kaj havigi ilin. Per tio ni atingos ke:

1) la bibliotekoj kaj pere de ili multaj aliaj komencos interesiĝi pri Esperanto, konsciiĝos ke ĝi estas valora lingvo, havas riĉan literaturon kaj multajn adeptojn, ktp;

3) per la pligrandigo de la eldonkvanto aŭtomate malplialtiĝos la prezoj de niaj eldonaĵoj;

4) ankaŭ tiuj esperantistoj kiuj ne havas monon por aĉeti ĉiujn librojn kaj aboni ĉiujn revuojn, povos legi ilin;

5) ni iomete levos la verdan kurtenon inter ni kaj la cetera mondo, ĉar ni miksiĝos kun la aliaj klientoj de la publikaj bibliotekaj kaj iliaj legejoj.

Mi ne kredas ke mi elĉerpis ĉiujn avantaĝojn de tiu kampanjo, sed se ni sukcesis nur en mil bibliotekoj de la tuta mondo, ni jam ebligos duoblan eldonkvanton ekz. al «Stafeto» kiu perlojn de E-literaturo eldonas —je nia honto— nur en 1000 ekzempleroj. Tion ni povas diri ankaŭ pri niaj pli ol 100 gazetoj kaj revuoj, al kiuj ĉiuj ŝatus plialtigi sian abonantaron je 1000. Kaj ni certe ne haltos ĉe tiu nombro.

EK AL LA LABORO, LA REZULTO NE POVAS MANKI.

*A. Sekelj*

Ĉar ni plene konsentas kun la ideo de S-ro. A. Sekelj, ni represis la supran artikolon, kiu aperis en IOE Gazeto n.° 5-6, 1967. Sed ni deziras aldoni ke en Hispanujo estas kelkaj Bibliotekoj, ĉu ŝtataj ĉu de privataj organizaĵoj, sed publikaj, en kiuj de antaŭ jaroj estas starigitaj Esperanto-sekcioj; do, la hispanaj esperantistoj bone povas sekvi la konsilon de nia jugoslava samideano.

Post la starigo de Esperanto-sekcio en Publika Biblioteko «MIGUEL SANCHO-IZQUIERDO», de Zaragoza, la Urba Kunordiga Centro pri Bibliotekoj de Zaragoza, disdonis Lernolibrojn kaj vortarojn de Esperanto al ĉiuj Lernejaj Bibliotekoj de la Provinco.

---

NE ESTAS SINJORO KIU DE GESINJOROJ NASKIĜIS, SED TIU, KIU SCIAS TIA ESTI.

*L. Vélez de Guevara*



PAROLULOJ KAJ PENSULOJ

Estas parolartistoj, kiel estas pensartistoj: la oratoroj kaj la pensistoj.

La oratoroj pensas obee al la parolo. La pensistoj parolas obee al la penso.

Ĉe la esprimitaj pensoj la oratoroj facile kaj ŝate kaj plaĉe lernas la parolojn, la esprimojn, dum la pensistoj avide kaptas profunde la pensojn.

La dirbeleco, la esprimfacileco, la parolriĉeco brilas, floras de la oratoroj je malgranda ia penso, kaj eĉ emociiĝas tiuj artistoj konstatante la mirindaĵojn ke la parolado igas ilin pensi kaj diri pensojn pli profundajn ol ilia penskapablo povus, antaŭparole. Tamen la pensuloj suferas ke la paroloj malfacile esprimas la profundon de iliaj pensoj, kaj penas diri per paroloj plej ĝuste kaj sincere la pensojn.

Afabla leganto, kiu honoras min per via atento; se vi legis la vortojn, bonvolu legi nun la pensojn, ĉar mi ne pensis por aŭ pro la vortoj, sed mi verkis por kaj la pensoj, kaj pardonu la postulemon de

*Delfí DALMAU*

## ANTAŬ LA 53ª U. K. DE ESPERANTO

*HISTORIA ANEKDOTO*

Dum la 5ª U. K. de Esperanto okazinta en Barcelona (1909), laŭ propono de valencia Esperanto-Grupo, estis akceptitaj dek ordonoj, tielnomataj «Barcelona-dek ordonoj», kiuj devas senescepte plenumi ĉiu bona esperantisto. Ili estas jenaj:

1) Pagi regule kaj ĝustatempe la grupan jarkotizon .
2) Aboni kaj subteni la gazeton kaj revuon elektitan kiel gruporgano.
3) Ĉeesti ĉiujn kursojn kaj kunsidojn, kiujn la grupo aranĝas.
4) Legi almenaŭ unu fremlandan gazeton, revuon, ĉiumonate .
5) Elekti kiel korespondantojn du aŭ tri bonajn alinaciajn esperantistojn.
6) Skribi kaj interŝanĝi kun ili almenaŭ unu leteron ĉiusemajne.
7) Montri ĉiam kaj ĉie sur sia vestaĵo la esperantistan insignon.
8) Porti ĉiam en sia poŝo provizon da propagandiloj.
9) Varbi por nia lingvo almenaŭ unu novan anon ĉiumonate.
10) Fiksi tiun ĉi afiŝon videble sur la muroj de la grupejo.

## DEL GRUPO ESPERANTISTA DE BILBAO

VI.ª SEMANA GEOGRAFICA INTERNACIONAL

El Presidente de INTERNACIA GEOGRAFA ASOCIO, conocido esperantista Sro. Tibor Sekelj, ha solicitado la colaboración de nuestro grupo, para organizar en nuestra Villa y a continuación del Congreso Universal de Esperanto de Madrid, en los días 11 al 17 de agosto, la 6.ª Semana Geográfica Internacional, con la participación de los geógrafos, etnólogos, folkloristas, etc., que asistan a Madrid.

Es su deseo visitar en nuestra compañía las Cuevas de Altamira y las de Santimamiñe, así como establecer contactos con grupos afines en nuestra provincia.

La Directiva de nuestro Grupo, está considerando en todo su valor esta organización, que pudiera resultar un pequeño Congreso en Bilbao y poder ofrecer a los esperantistas bilbaínos la oportunidad de recibir en su propio ambiente e estos eminentes amigos.



## BARCELONA

### KLUBO DE AMIKOJ DE UNESCO

*Zamenhof-Tago — Libro-Tago*

La pasintan 16an de decembro en tiu Klubo oni solenigis la «Tagon de Zamenhof» kaj la «Tagon de la Esperanto-Libro».

Profitante tiun okazon oni inaŭguris en tiu Klubo la Jaron de Homaj Rajtoj.

Partoprenis ankaŭ en tiu okazintaĵo la Grupoj «Stelo de Paco» kaj «Aŭroro», el Barcelono. Samideano S-ro Vilagrán malfermis la kunvenon prezentante la parolontojn kaj rimarkigante la gravecon de la Zamenhof-Tago. Tuj sekve S-ro J. Anglada Prior paroladis glosante la vivon de tia granda humanisto, kia estis Lázaro Ludoviko Zamenhof. Poste, S-ro F. Vilá, en Esperanto, kaj S-ro T. Alberich, katalune, legis «Pensoj de Zamenhof».

Fine, S-ro J. Serra Gasulla, vic-prezidanto de la Klubo, adresis al ni kelkajn parolojn substrekante la grandan similecon ekzistantan inter la pensoj de Zamenhof kaj la Homaj Rajtoj. Li juĝis tre trafe, ke oni komencu la Jaron de la Homaj Rajtoj ĝuste en la Tago de Zamenhof, ĉar la kreinto de la lingvo Esperanto estis homo, kiu sian tutan vivon dediĉis al la bono de la homaro. Grandaj aplaŭdoj sekvis la parolojn de S-ro Serra Gasulla, ĉar la ejo estis plena da esperantistoj kaj simpatiantoj. Fine la ĉeestantoj vizitis la ekspozicion de Esperanto-libroj aranĝita por tiu okazo. Estis granda tago por Esperanto.

---

La 23an de decembro, okaze de la vizito de la esperantisto S-ro Otto Pritz, el Norvegujo, oni okazigis feston kune kun la Literatura Departamento de la Klubo. Ĝi estis Kristnaska festeto. S-ro Otto Pritz aŭdigis al ni repertuaron da folklora muziko norvega, kiun li komentadis en Esperanto, kaj S-ro Gómez Ibars flue tradukadis katalunen, tial ke en la ejo troviĝis personoj, kiuj ankoraŭ ne sufiĉe komprenis Esperanton.

Profesoro B. Losada Castro faris Galican prezentadon, kaj oni legis ankaŭ «Poemo de Nadal» (Kristsnaska Poemo) de la desegnisto kaj poeto Joan Ferrandiz. Fine la junulo Manuel Pou kantis al ni tri kanzonojn akompanatajn de li mem per gitara muziko.

Ĝi estis tre simpatia vesperkunveno pruvanta, ke jam ĉiujn rigardas Esperanton, kiel pozitivan kulturan rimedon, ĉar en tiu ĉi festo ni varbis multajn simpatiantojn. Ĉe la fino de la festo oni disdonis al ĉiuj ĉeestantoj broŝurojn kun la Homaj Rajtoj en Esperanto.

Ni devas esprimi nian dankemon al la esperantistaj geedzoj Criach, el Sabadell, tial ke S-ro Otto Pritz estis ilia gasto, kaj estis ili, kiuj proponis al ni lian ĉeeston al la Klubo de Amikoj de UNESKO.

*Mari-An*

*KURSOJ DE ESPERANTO*, ĉiu merkredo kaj vendredo, je la 20ª horo. Ili estas gvidataj del S-roj Petro Nuez kaj Martí Buscató, respektive. Ĉiu sabato, je la 19ª horo: Kunsido de la fako. Oni informas al ĉiuj interesitoj pri Esperanto, la Internacia lingvo, kaj oni praktikas konversacii.

## VALLADOLID

### GRUPO «FIDO KAJ ESPERO»

El Grupo Esperantista de Valladolid, celebró el pasado día 11 de febrero, Junta General anual en la que, bajo la presidencia de don Gonzalo Castañón, se leyó la Memoria de actividades de 1967, siendo muy del agrado de todos los presentes ver el número y la importancia de los actos realizados. El Presidente, señor Cas-

tañón, recalcó la trascendencia de la nueva adquisición de una máquina multicopista que nos permitirá en el futuro una mejor presentación de nuestro boletín informativo.

A continuación fue leído por la señorita Tesorera el Estado de Cuentas, pasando después a proponerse la nueva Junta Directiva, proposición que fue aprobada por los asistentes, quedando compuesta la Junta Directiva como sigue:

PRESIDENTE: D. Antonio Gil Contreras

VICEPRESIDENTE: D. Antonio Gamboa Sánchez

SECRETARIA: Srta. M.ª Rafaela Urueña Alvarez

VICESECRETARIO: D. Luis Martín Herrero

TESORERA: Srta. Concepción Rodríguez Gutiérrez

CONTADOR: D. Juan-Miguel Piquero Muñiz

BIBLIOTECARIO: D. Jacinto Urueña Antón

VOCAL: Srta. M.ª José Zalama Salvatierra

VOCAL: D. Angel Casas Domínguez

VOCAL: D. Amador Crespo Ruiz

El Presidente cesante, rogó al recién elegido, señor Gil Contreras, que pasara a ocupar la Presidencia, tras lo cual el señor Gil Contreras dirigió la palabra en Esperanto a los asistentes dando las gracias por la elección, agradeciendo la labor hecha por el señor Castañón y exhortando a los socios a una mayor asistencia al Grupo, a una lectura más frecuente de libros en Esperanto y pidiendo la colaboración de todos los esperantistas, recalcando la gran significación que entre nosotros tiene la palabra «gesamideanoj».

A continuación se pasó al apartado de ruegos y preguntas en el que diversos socios intervinieron. Se recordaron los horarios y días de clase, el Servicio de Biblioteca y se dio por terminada la sesión.

## MADRIDA ESPERANTO FERVOJISTA ASOCIO

Como en años anteriores se ha organizado Curso de Esperanto, 1968, para agentes de RENFE y sus familiares.

El curso ha comenzado el día 29 de enero y las clases a cargo de profesorado competente, son los lunes, miércoles y vienes (no festivos) de las 19 a 21 hora, en un aula de la Asociación General de Empleados y Obreros de los FF. CC.. Españoles, calle Atocha, 83, cedida para estos fines.

La clausura del curso se celebrará el día 28 de junio con imposición de «Stelo» y exposición de fin de curso con motivos ferroviarios y culturales.

Este año la Directiva de M. E. F. A. ha invitado a tomar parte en este curso a los empleados de Cía. Metropolitano de Madrid, invitación que ha sido muy bien acogida por parte del Jefe de Personal de dicha Compañía.

## PONTEVEDRA

La Grupo de Pontevedra, kiun gvidas S-ro. Antonio Alonso Núñez, en interkonsento kun la Ĉefinspektoro kaj Inspektoroj pri Infana Edukado de la Provinco Pontevedra, organizas kurson de Esperanto por geinfanoj 10 jaraĝaj proksimume, vide al la okazigo de Infana Kongreseto en la kadro de la 53ª U.K. okazonta en Madrid. Ili intencas elekti —plej eble per lotado— inter la geinfanoj kiuj partoprenos la kurson, tri aŭ kvar el ili, kiuj partoprenos stipendiitaj de la Grupo la Infanan Kongreseton. Tiamaniere niaj samideanoj pruvos la facilecon kaj efikon de Esperanto kaj la Sroj. Inspektoroj konstatos la taŭgecon de la Internacia Lingvo.

Imitinda ekzemplo tiu de niaj samideanoj de Pontevedra, kiun ni konsilas sekvi al ĉiuj ceteraj Esperanto-Grupoj de Hispanujo.

*Red.*

## SANTANDER

La Escuela de Turismo, dirigida por el P. Semprún, S. J., invitó al P. A. Zulueta, S. J., a dar un curso de iniciación de Esperanto durante 15 días. La asistencia a las clases osciló entre 12 y 20 alumnos y alumnas, entre ellos hay que destacar a la profesora de alemán de la Escuela de Iidiomas, a dos antiguos esperantistas y a tres muchachos de Torrelavega, gran centro industrial a 20 km. de la capital.

El P .Zulueta les mostró diversos libros y revistas, les introdujo en el mundo esperantista y los puso en comunicación con el grupo esperantista de Santander, por medio del señor Urbano Gómez Collado, a fin de que lleguen a hablarlo corrientemente. Es un ejemplo digno de imitación para las Escuelas de Turismo y para los jóvenes que desean captar jóvenes «samideanoj».

## TENERIFE

La Prezidanto de «Esperantista Societo de Tenerifo» (ESTO), informas nin pri la konsisto de la nova Estraro kiu estis elektita en la fino de decembro 1967.

ESTRARO:

S-ro. Juan REGULO PEREZ, *Prezidanto*
S-ro. Antonio FERRER HERVAS, *Sekretario*
S-ro. Angel POMBROL HERNANDEZ, *Trezoristo*
S-ro. Antonio BENITEZ HERNANDEZ, *Bibliotekisto*
S-ro. Nicolás PEREZ ALVAREZ, 1.ª *Voĉdonato*
S-ro. Ramón RODRIGUEZ PEÑA, 2.ª *Voĉdonato*
S-ro. Manuel LUIS DORTA, 3.ª *Voĉdonato*
S-ro. José PALMERO PEREZ, 4.ª *Voĉdonato*

## HISPANA ESPERANTO AŬRORO

La nueva Directiva de esta Sección de H. E. F. ha quedado constituida en la siguiente forma:

PRESIDENTE: D. Angel Figuerola Auque de Madrid
VICEPRESIDENTE: D. Mariano Izaola de Bilbao
SECRETARIO: D. Julio Osuna Fajardo de Madrid
VICESECRETARIO: D. José Tormo Cisternes de Villena
TESORERO: D. Francisco Vidal de Valencia

También ha quedado constituido el Comité Organizador del 36 Congreso de Ciegos Esperantistas, que ha de celebrarse dentro del cuadro del 53 Congreso Universal de Esperanto en Madrid del 3 al 10 de agosto de 1968.

PRESIDENTE: D. Angel Figuerola Auque
SECRETARIO: D. Julio Osuna Fajardo
CAJERO: D. José Lorente García
VOCALES: D. Jacinto Jiménez Pérez
D. Pedro Zurita Fanjul

---

## NI PAROLU PRI U. E. A.

Tuta malgranda armeo de pli ol 3400 lokaj kaj fakaj delegitoj estas je dispono de la membraro de U. E. A. por *ĉiaspecaj praktikaj servoj. Utiligu la lingvon* por viaj praktikaj celoj pere de la delegita recto de Universala Esperanto-Asocio —unika en la mondo— kaj pere de la 24 fakaj aŭ specialigitaj organizaĵoj aliĝantaj a U. E. A. aŭ en kontraktaj rilatoj kun ĝi.

Al la junularo apartenas la estonteco. T.E.J.O. —la junulara sekcio de U.E.A.— prizorgas la disvastigon de la lingvo en la medioj de genunuloj ĉie en la mondo. Por helpi sian junularan sekcion, U.E.A. fiksis aparte favorajn kotizojn por gejunuloj.

# KONSTANTA VALORO DE LA HISPANA VINO. MILO DE VINKELOJ INTER JEREZ KAJ SANLUCAR.

DE MARIA ROSA MAJÓ-FRAMIS

La senŝanĝa valoro kiun posedas la hispana vino estas monde konata per unu vorto: Jerez. Kaj el la diversaj «palatoj» gustoj de Jerez, elstaras la vino nomata «Solera», taŭga por la gravaj festoj, kaj la «Olorosos» por edziĝoj kaj sentimentalaj rememoroj.

Jerez kaj Sanlúcar estas du urbetoj, preskaŭ najbaraj pro sia proksimeco, ambaŭ tre riĉaj kaŭze de la vinkeloj, la unuaj en Hispanio; jarcentaj vinkeloj plenaj de pompa historio kaj de turisma allogo.

Ĉe la alveno al Jerez kaj gustuminte ties blonda «Manzanilla», sorbon post sorbo, kune kun la famaj fiŝoj frititaj laŭ andaluza maniero, side en unu el tiaj tipaj kortoj, pli bone ĉe la noktiĝo, dum kies daŭro la suda nokto pleniĝas de bonodoro el jazmenaj floroj —ĝis la fakto ke oni ne scias ĉu la jazmenoj estas el luno, aŭ la luno estas farita el jazmenoj— malfacile povas la vizitanto ne resti kelkajn tagojn plu. Ili venas pase, sentas sin allogitaj kaj ekestas la neevitebla altiro de la klimato kaj sorĉa medio de tiaj kortoj.

La hispanaj kortoj devenas el la romia «impluvium», sentegmenta ejo ĉirkaŭita de ĉambroj aŭ loĝejoj. En la altrangaj domoj de Jerez kaj Sanlúcar, la kortoj, ofte, estas marmoraj, kun fontano kaj ŝprucigilo, granda ornamo da florpotoj kaj flora riĉeco. Ĝi estas la plej malvarmeta loko por amuzoj kaj festoj.

Krom sia spektakla aspekto, ĝi havas ion hejmecan pro la mildaj lulseĝoj, kiuj de la Suda Hispanio oni kunportis al la Tropikaj Antiloj, kaj tiaj lulseĝoj invitas iun al moleco kaj volupta malzorgemo, kio havas sian filozofion kaj aŭtentikan metafizikon. Kaj, tiu devas esti la mistero de la kortoj!... Ekzemple, balancilo posedas kondiĉon favora al dormo; lulkanto dormigas la infanojn kaj hispana korto havigas revojn, mildajn malstreĉajn revojn, pere de la akva susurado, la flora bonodoro kaj la ne anstataŭebla lulseĝo.

Jerez estas interna urbeto, sed, Sanlúcar havas ĉarmajn strandojn. La rivero Guadalquivir formas estuaron en sia enfluejo ĉe Sanlúcar de Barrameda. Tie etendiĝas plaĝo kaj fronte, sur la alia riverbordo, stariĝas la duonsovaĝaj pinarbaroj de la ĉasejo de Oñana, kiuj preskaŭ trempas siajn radikojn en sala akvo. La tuta strando de Sanlúcar estas historio de Indujo, estas Ora Jarcento, estas rememoro... Ĉar sur la akvo de tiu estuaro, kies bluo fariĝas ĉielgrizo kvazaŭ el arĝento dum la vesperiĝo, pasis la ŝipoj de Kolumbo, de Magallanes, de Bastidas, de Ojeda, ĉiuj pioniroj, ĉiuj fondintoj de la geografia terglobo kiuj servis sub la hispana flago.

La karakteriza vino de Sanlúcar estas la «Manzanilla», kiu, apud bonodoraj krustuloj kaj moluskoj, freŝaj, grandegaj, oni servas dum la ĉiam helaj matenoj en la plaĝo. Sanlúcar estas, same kiel la tuta Andaluzio, sincereco kaj forta kolora bildo. Estas kutime veturi laŭ la rivero sur turismaj ŝipetoj kaj, de la bordoj, oni povas rigardi olivarbojn kaj, en privataj bienoj, kelkajn agresemajn taŭrojn. Kruda kaj varma pejzaĝo.

Inter Jerez kaj Sanlúcar ekzistas, proksimume, ne malpli ol milo da vinkeloj. Ĝi estas la preferata terzono en Hispanio pri la kultivado de vinberoj por fajnaj vinoj. Ambaŭ urbetoj, fakte, vivas de la vitkultura industrio kaj ĉie aperas la nomoj de la vinkeloj, kiuj okupas tutajn stratojn. Apud la vinejoj kuŝas la prafamiliaj domoj de ties mastroj, la laborejoj, la internaj kortoj.

Efektive, kiam oni trairas la tutan duoninsulon kaj, fine, atingas la Sudon, tiam oni vere komprenas la faman sloganon pri «Hispanujo estas malsama». En Andaluzio la diferenco estas radikala, ĉar ĉio havas ian specialan stilon; la arkitekturo, moroj kaj kutimoj, karaktero, populara lingvo, dancoj kaj kantoj. Eksterlande, oni ne povas koncepti hispanan bildon en kiu io andaluza ne elstaru belega de koloro. Ne estas festo, altranga aŭ populara, kie oni ne tostu per pokalo da Jerez, kies oficiala difino estas «pokalo da hispana vino», kia konstanta valoro kaj kvalito estas laŭdataj de la tuta mondo...

Por koni Hispanion, oni devas iri ĝis la kradofenestroj aŭ kradpordoj, eniri tiujn sudajn kortojn kaj tie aŭdi la plukadon sur la kordoj de melankolia gitaro.

TRADUKIS: J. DEVIS



## Majstra verko el la kataluna literaturo tradukita en Esperanto

*Víctor Catalá. «Soleco». Premio Fastenrath en 1909. Tradukis el la kataluna lingvo Josep Ventura i Freixas. Antaŭparolo de Josep Miracle. Ilustraĵoj de Alexandre Coll. Barcelona 1967.*

Víctor Catalá estas la pseŭdonimo kiu kaŝis la nomon de Catalina Albert i Paradís kaj, kun tiu kaŝnomo, ŝi atingis nepereontan famon, tra epokoj kaj homoj, kiel romanverkistino kaj kiel poetino.

Naskita en La Escala (Gerona) dum septembro de 1869, ŝi ĝisvivis la nunajn tagojn, ĉar mortis en januaro de 1966, jam 96 jaraĝa.

Ŝi iĝis konata dum literatura konkurso okazinta en Olot, jaro 1898, kaj, post tio, ŝi publikigis diversajn verkojn, proze kaj verse, antaŭ ol konkeri tutmondan famon per sia romano «Soleco», sia majstra verko aperinta en 1905. Oni diris pri ĝi «estas unu el la verkoj plejkonsistencaj kaj kun plej profunda fideleco en la nuntempa literaturo» kaj, konsiderante ĝian aŭtoron «la verkisto psikologie plej trascenda kaj kun plej fortika kreokapablo kiu prezentas siajn verkojn al la publiko». Post komparo de Víctor Catalá kun Pereda kaj Mistral, rilate la filologian trezoron kiun oferas la verko en ĝia originala lingvo, aldonas la tiama recenzisto: «Soleco estas romano kiu estus herezo se oni kvalifikus ĝin kiel psikologian, priskriban, realisman aŭ simbolan. Soleco apartenas al ĉiu el ili. Ĝi estas emocia himno al la naturo, al la amo, al la fido kaj al la spiritualismo. La izoliteco de animo en kontakto kun la tera izoleco; la delikateco de la plej altaj sentimentoj kontakte kun la plej fia malnobleco, formas la ĉefan tezon de la verko.»

Kiel diras la prologanto de tiu ĉi traduko, nun Soleco aĝas pli ol sesdek jarojn, sed tio ne signifas ke ĝi estu romano elmodiĝinta; ĝuste tio pruvas ke Soleco estas romano kiu ne maljuniĝas.

Ĝi estis tradukita kastilie, preskaŭ tuj post ĝia publikado en 1908, fare de D. Francisco Javier Garriga. Aliaj tradukis ĝin france, germane, itale kaj ruse. «Nun —diras ankaŭ la prologanto— nova traduko estas preta voki atenton en la mondon. En tiun mondon sen limoj komprenata kiel ideala patrujo; tiun de la homa frateco, pere de la elokventa helpa lingvo Esperanto.»

Ni ŝuldas —diras la sama antaŭparolanto kaj tiu «ni ŝuldas» devas esti subskribita de la tuta esperantistaro— ni ŝuldas ĝin al S-ro D. Josep Ventura i Freixas, kiu dum kelkaj jaroj estis laborante pri ĝi kun granda spirito de fideleco kaj respekto al la originalo.

Dankon, do, al li kaj nian gratulon pro tiu realigo, kiun la Hispana Esperanta Federacio jam subskribis, deklarante ĝin kiel oficialan romanon por la alproksimiĝanta Universala Kongreso.

M. SANCHO IZQUIERDO

---

Apud la «Casa de Cisneros» staras la madrida Urbodomo; konstruaĵo ornamita per madridegaj ardezaj turoj je malpeza linio kaj ekvilibraj proporcioj. La planoj de la urbokonsilantara domo estis dezegnitaj far Gómez de Mora; sed la konstruado nur finiĝis en la 1695ª jaro. La sobreco de la projekto, je preskaŭ Herrera-j linioj, ŝanĝiĝis en barokan gracion iomete italeman. La hispana ĉefurbo —antaŭ trijarcentoj ĉefurbo de du mondoj— ne volis ke sia urbodomo estu luksa palaco sed ja ke ĝia elstaro estu akirita per la beleco de ĝiaj linioj.

«Madrid torres mil» diradis malnova kanzono; ĉar ĉi tiu Madrido estis samtempe Kortego kaj monakejo. Kortego pro ĝiaj belegaj palacoj kaj pro la pompo de ĝiaj ceremonioj; monakejo pro la kvanto da temploj, ermitejoj kaj kapeloj kiuj aliigas Madridon en konstante Dilaŭdantan urbon. La reĝaj fondaĵoj kiel la «Descalzas Reales», kreita de «Juana de Austria», fratino de Filipo la Dua, kie troviĝas altvaloraj artaĵoj: marmora statuo far Pompeyo Leoni, trogplafonoj, Talaveraj fajenckaheloj, mur-kaj-planktapiŝoj, intermiksiĝas kun malnovaj temploj, modestaj kaj silenthavaj kiel tiu de «San Nicolás», plej malnova en Madrido, kun malgrandaj kaj kaŝlokitaj monakinejoj kie monakinoj konsekritaj al Dio okazigas per sia vivo kontrastitan helmalhelon kun la movo, la lumo, la urĝo kaj la bruo de la alia Madrido: tiu de la 1965ª jaro.



«Plaza Mayor»

# INTERNE DE LA MADRIDO DE LA JARO 1965 EKZISTAS LA MADRIDO EL ANTAŬ KVAR JARCENTOJ

Estas bone konata la Madrido de la 1965ª jaro; tiu de la larĝaj avenuoj, la altaj konstruaĵoj, la plenplenaj magazenoj, la industriaj entreprenoj... ĉio kio kontribuas por ke Madrido estu granda eŭropa urbo. Sed ankaŭ ekzistas alia: tiu Madrido kiu apartenas al la tempo kiam ĝi estis starigita ĉefurbo —pasis jam kvar jarcentoj— la «Madrid de los Austrias» plena je historio kaj memorigaĵoj de la XVI kaj XVII jarcentoj.

Ĝia centro estas la grandioza «Plaza Mayor», kies konstruon ordonis Filipo la Dua, laŭ projekto de Gómez de Mora, disĉiplo de la kreinto de «El Escorial». Tiun placon oni inaŭguris en la jaro 1619ª, dum la regado de Filipo la Tria. El ĝiaj kvarcent fenestroj kaj amasigite sub ĝia portikaro la madrida popolo, en tiel mirinda scenejo, rigardadis grimpvetojn, taŭrludojn, aŭtodafeojn, maskofestojn k.t.p.

La mallarĝaj stratoj kiuj formas ĉi tiun malnovan Madridon, estas krutetaj, plenaj je malnovaj anguloj kaj kondukas al mallarĝaj kaj neregulformaj placetoj ĉarmaj kaj misteraj, kiuj venigas al nia menso iujn homtipojn majstre pentritaj far Lope de Vega; kaj revivigas al ni tiujn longpasintajn tempojn. Ĉiu angulo havas sian surprizon: foje, malnovan ŝtonan ŝildon; foje, bone prilaboritan kradon aŭ ombron de historriĉa turo.

La memorigiloj aperas senĉese. En la malnova «Torre de los Lujanes» loĝis kiel kaptito la franca reĝo Francisko la Unua, post kiam li estis venkita far Karolo la Unua en la batalo de Pavia. La madridega domo kiu hodiaŭ estas Ministrejo pri Eksteraj Aferoj estis alitempe «Cárcel de Nobles». Ĝiam konstruon ordonis Filipo la Kvara; el glata kaj sobra arkitekturo ĝia tuto estas enkadrigita de du graciaj turoj. En la strato «Mayor» troviĝas la palaco kie funkciis la grava «Consejo de Castilla», kaj kiu antaŭe estis palaco de la duko de Uceda, favorato de Filipo la Tria. Ĉi tiu granda palaco, kiu multe ampleksas, ege impresas pri povo kaj kondukas konsideri la grandecon de la Imperia Hispanujo.

## Dr. Federico Poveda Pérez

Pasintan 12-an de februaro, post longa, doloriga kaj senesperiga malsano, forpasis en Valencia nia samideano D-ro Frederiko Poveda Pérez, fondinto de nia Federacio kaj elstara membro de la valencia Grupo de Esperanto. Li estis kunlaboranto de D-ro Herrero en la Hospitalo de la Ruĝa Kruco, kaj, en la pasinto, li estis Helpa Profesoro de la Medicina Fakultato de Valencia. Dotita de ne kutima klereco, altvalora dermatologisto, li, tamen, estis modestega persono kaj tre simpatia.

Li estis tre konata de la hispana samideanaro pro siaj partoprenoj en diversaj kongresoj. Li lasas en niaj vicoj neanstataŭeblan lokon.

Multaj samideanoj akompanis lin, en lia lasta veturado, ĉar tiel, ili deziris pruvi siajn sentojn de bedaŭro kaj estimo.

## Pedro Naranjo Terán

En Jerez de la Frontera, forpasis nia bona, lerta, sindona kaj efika samideano Pedro Naranjo Terán. Pioniro de nia Movado, lia biografio aperis en BOLETIN antaŭ ne longe, tial ni diros nenion pri lia vivo, longa vivo dediĉita al la propagando de niaj lingvo kaj idealo.

PACAN RIPOZON al nia bona amiko!!!

Por lia familio nian plej sinceran kondolecon.

## Nicomedes Ullar

La 25-an de januaro forpasis en sia urbeto Sant Felíu de Codinas nia senlaca pioniro Sro. Nicomedes Ullar. Dum la tuta vivo li senĉese laboris por nia nobla ideo, gvidante kursojn, partoprenante multajn naciajn kaj internaciajn kongresojn kaj klopodante por la disvastigo de Esperanto. En sia urbo li prezidis la lokan Esp. grupon kaj antaŭ du jaroj kaj ankoraŭ li aktive partoprenis la organizadon de la Barcelona Provinca Renkontiĝo kaj dum ĝi la partoprenintoj varme omaĝis la geedzojn Ullar. Li edziĝis kun sinjorino Maria Lenker el Aŭstrujo kaj dum la tuta geedziĝa vivo ili estis vera internacia paro, dank' al Esperanto.

Nian sinceran kondolecon al gefamilianoj.

## Maria-Teresa Marco de Sancho Rebullida

Respekti la gepatrojn, esti bona edzino, kaj zorgi kaj eduki la gefilojn, estas agoj kiuj permesas al la virino atendi trankvile la morton, se plue ŝi estas personigo de sindonemo kaj afableco kiel Sino. Marco estis, tiu trankvileco estas preskaŭ ĝojiga. Nun ŝi iris en la ĉielon lasante grandan malplenon en ŝia familio, kaj grandan vakuon en la koro de ĉiuj konantaj ŝin.

Al ŝia familio kaj speciale al ŝia bopatro, nia Prezidanto Dro. Miguel Sancho Izquierdo, nian plej sinceran kondolencon.

## *Ni legis por vi...*

*BONE!* (*Poemo de l'Oktobro*). *Aŭtoro: Vladimir Jajakoskij. Tradukis: K. Gusov. Eld. Komisiono pri Internaciaj Ligoj de Sovetaj esperantistoj, Moskvo*, 1967, *per mimeografa procedo.* 108 p. 20×15 cm. *Prezo ne indikita.*

Ĝis kiu grado, aŭ punkto, poezio je servo de iu ajn ideologio povas reprezenti veran artaĵon? Mi tion ree demandis al mi eklegante la broŝuron «Bone!», kiu prezentas al la esperantistaro poemaron prikantantan la historian Oktobran Revolucion, tiun, kiu tiom da aspektoj spiritaj kaj sociaj ŝanĝis kaj konvulsiigis, ne nur en Rusujo, sed ankaŭ, certagrade, en preskaŭ la tuta mondo.

Tralegante la cent paĝojn mimeografitajn de tiu kolekto —prezentita sub modestaj vesto kaj procedo eldona—, mi trovis, evidente, kontentigan respondon al mia propra demando. La versaĵoj de Majakovskij celas, klasvideble, al jubilkanto: ili neniam elegias; ili reprezentas pasion, partieman aŭ sektan kronikon; ili estas konstanta akuzado; ili defendas fidoplenan rezignacion kaj fidelan esperon, sub la standardo de l' venko. Revoluciuloj kaj kontraŭ-revoluciuloj; herooj, proletaj fiduloj, venkintoj kaj malvenkintoj; eventoj gloraj kaj forbalaaĵo: jen tio, kio estas bildigita de la poeto, per karakteroplenaj versoj plenplenaj je artstilaj aludoj kaj efika esprimkapablo de realisma etoso. Kiel bele la poeto priskribas la malsaton kaj mizeron, kiu estis kiel elkora ofero de tiuj, kiuj sentis sin elaĉetitaj! Kiel bele estas la versoj per kiuj li majstre priskribas la atencon kontraŭ Lenin!

Hodiaŭ la tago alkuris kriple,
per krio rompinte silenton,
per pulm' trapafita ĝi raŭkis sible
kaj falis sangante sub venton.

Mi flankenlasas la krude ideologian karakteron de la verko, por tiel taksi la veran poezian valoron; kaj tion farante, mi povas konstati, laŭ mia persona aprezado, ke konsiderindaj valoroj beletraj superstaras: la organiza talento de la poeto kapablis, laŭcirkonstance, agordi sian voĉon kaj elekti plej trafajn versoskemojn. Antaŭ ne longe, ateista esperantlingva poeto skribis al mi, ke li ne kapablas sperti estetikan ĝuon legante esencan religian poemon. Kial? Ĉu religia —aŭ politike ideologia— versaĵo ne povas enteni naturajn poeziajn valorojn, eĉ por nekredanto?

Elrusigis la verkon K. Gusov. Ŝajne li faris efektive korektan laboron. Oni divenas la kiel eblan plej rektan tradukon de la versoj. La frazoj iufoje tordiĝas kaj restas ne multe diafanaj, tutcerte pro la aluda esprimmaniero de la originalo. Rimado kaj aliteracio, tre efikas meze de ritmoj kiuj vojas laŭ plaĉo de la aŭtoroj.

Neologismoj ne tro abundas. Ankaŭ mi tion povas diri pri tajperaroj. Pri gramatikaj eraroj ni povus diskuti pri «Mi pretas rompiĝi je pecoj» (...je (en) pecojn) paĝ. 45; «alpaŝanta laŭ akvo Kristo» (sur akvo) paĝ. 37; «klingoj serpilaj» (serpaj) paĝ. 39.

La poemaro estis verkita en la jaro 1927-a, kaj tial ĝi estas grava tiama atestilo politika, sed precipe literatura valoraĵo.

G. MORA

---

*Teo Jung*: *PREĜO.* («*Ho donu al mi vastan koron!*»). *Kompozicio en versoj. Konvena por deklamado dum Zamenhof-festo aŭ alia esperantista soleno. Lukseta eldono* (16 *paĝoj kaj kovrilo*). *Ĉiu ekzemplero estas numerita kaj aŭtografita de la aŭtoro. Prezo gld.* 1,50, *plus* 0,20 *por sendkostoj.*

Teo Jung, jam 75-jaraĝa, honora membro de U. E. A., publikigis tiun cent naŭdek ses versan poeziaĵon, kiu, kun bone agordita emocio kaj simplaj teknikaj rimedoj beletraj, prikantas la vivon.

La poeto jugis sian inspiron kaj voĉon per almezuritaj strofoj kun unurimaj versparoj, kiuj dum kelkaj momentoj iom sonas litanie, sed agrable. Li malfermas sian koron al ĉiu kaj ĉio; kaj tiu aspekta sindonemo ŝajnas postuli reciprokan agon, por que amo, ĉie, lasu esti nura utopio aŭ revo. Li admonas la homajn sensojn al servo de sankta homaranismo, kaj klopodon al imito de rekta ordo de la saĝa naturo. Iel, la versaĵo aspektas ĉu panteisma, ĉu franciskana preĝo, ĉiam bele kaj sincere.

Lanĉo de tiu poemo okazis en la n.° 297-298-a de la japana revuo Oomoto, kaj komparante ambaŭ tekstojn, ni facile povas konstati kiel la aŭtoro ame kaj dorlote poluris kaj fajnigis tiujn versojn.

La rezulto estas estiminda verketo, kiu konsistas el simplaj elementoj: sed ne povas situigi la verkon en precizan epokon de la esperantista beletra evoluo, ĉar la aŭtoro forkonsideris plurajn

rimedojn de la nuntempa evoluiĝinta poezio. La iom eksmodiĝintaj rimigitaj versduoj, kaj la arkaika majuskla komenco de ĉiu verso, estas du flankaj pruvoj.

Kroma celo de tiu poemo —ke ĝi taŭgu por deklamado en kluboj—, povus esti efektiva se vera intereso por poezio antaŭe estiĝis.

G. MORA

---

*OKULOJ, libro originale verkita en Esperanto de Marjorie Boulton, kun ilustrita kovrilo kaj portreto de la aŭtorino.* 57.ª *volumo sub la marko STAFETO. J. Régulo, eldonisto. La Laguna (Tenerife), Kanariaj Insuloj. Sept.* 1967. 177 *paĝoj.* 18×12 *cm. Prezo ne indikita.*

OKULOJ estas novelaro kiu igas nin pensi, precipe, pri la virina psikologio, tiel diferenca de la vira. Marjorie Boulton reliefigas tiun diferencon kaj ĝuigas la leganton per sia karakteriza stilo. La tutmonda sperantistaro konas ŝiajn verkojn kaj scias ke, proze aŭ verse, ŝi «majstras» nian lingvon kvazaŭ naskita en Esperantujo.

La novelaro konsistas el jenaj rakontoj:

«Okuloj», kiu donas nomon al la tuta volumo, bona novelo rakontanta la moralan komplekson de junulino, kies vivon savas fama pentristo.

«Ebrivirgeco» (ĉu ne virgebrieco?), priskribas la latentajn amdezirojn de tridekkvinjara fraŭlino el angla metodista familio, bonedukita instruistino, kiu neniam kuraĝus malkovri siajn amsentojn, eble, eĉ ne klare konataj de ŝi mem, sed, kiuj floras dum ŝia unua hazarda ebrieto.

«Mezepoka historio», kortuŝa rakonto, kvazaŭlegendo pri kompatema kaj kompatinda reĝo trafita de lepro.

«La sekreto de la lernejestrino», fantaziaĵo pri eksterordinara lernejestrino dotita per supernatura povo, bone reganta siajn impulsojn por ne misuzi tiun povokapablon; tamen...

«Fenikso», sonĝo de astronomo sub la influo de ĵusaj sciigoj pri nia ĥaosa mondo. Ĉu profetaĵo rilate nia planedo?

«Vespera vizitanto», tiu estas homforma estaĵeto, el alia ĉiela astro, komisiita al la Tero por helpi la homojn kontraŭ forigebla malsano, per taŭga kaj komika rimedo.

«La venĝo-komitato» formita de forlasitaj virinoj kontraŭ ŝia komuna delogonto. Nur virinoj povus pensi tian venĝon.

«Tiel, kiel ĝi ne okazis», nova interpreto de la edena peko.

«Lernantino». Feliĉa ĝojo de viriniĝinta junulino, kies unuaj amludoj plibeligas ŝian vivon.

«Kaj kredu, se vi volas». Esperanta rakonto pri parolanta ruza hundo.

«Preter la limo». Ĉagrena travivaĵo ĉe landlimo.

«Nekvalifikitaj sorĉistinoj». Tri studentinoj ludas sorĉmetodojn por bonfari al amata doktorino sed, tial ke ili ne scias estri la magiajn fortojn...

«Interne kaj ekstere». Simpatia mondeto de miopa inteligenta infanino.

El tiu ĉi libro, frapas tuj nian atenton la preskaŭ konstanta forigo de la helpa verbo esti, kiam la propozicio restas klara. Laŭ tia logiko, frazoj kiel la sekvantaj aperas ofte: «*Ĉu iu malafablis al vi?*» (= Ĉu iu estis malafabla al vi?); «*kiu videble sinceris*» ( = kiu videble estis sincera); «*mi certas*» ( = mi estas certa); «*ni malofte feliĉas*» ( = ni malofte estas feliĉaj); «*por ne impertinenti*» ( = por ne esti impertinentaj); «*ruĝis*» ( = estis, aŭ aspektis, ruĝe); «*bluis*» ( = estis, aŭ aspektis, blue); «*orbitis*» ( = estis en orbito); kaj aliaj verbigitaj vortoj kiel «*ĥaosis* , «*paniki*», «*riveris*», «*necesis*», «*ritmis*», «*eblas*», «*pretis*»... sed, foje, ankaŭ laŭ klasika maniero kiel «estas preta», «ne estas eble», «kio estas racia».

Nur du ŝajnajn preserarojn mi trovis; «proble» (60.ª paĝo) kaj «sinregivo» (139.ª paĝo).

Vere, oni legas kun plezuro tiun ĉi novelaron de Marjorie Boulton, pure kaj bele eldonita de STAFETO.

J. DEVIS

---

*MEMKRITIKO.* — Victor Sadler. Poemaro. 13×18,5, 60 paĝoj, bindita. Prezo 10,50 danaj kronoj aŭ egalvaloro. Eldonis KOKO.

*LA VJETNAMA PROBLEMO.* — Luu Quy Ky. 12×19, 72 paĝoj broŝurita Fremdlingva Eldonejo, Hanojo 1967.

*NAŬA KONGRESO DE LA BULGARA KOMUNISTA PARTIO.* — Todor Jivkov. Raporto kaj Ferma Parolado. 11×17, 182 paĝoj, broŝurita. Eldonejo de Fremdlingva Literaturo.

*MONTECATINI TERME.* — Plurkolora, diverslingva, turisma broŝuro faldformata kaj bele prezentata.

*Balance en 31 de diciembre de 1967*

COBROS

| | | | |
|---|---|---|---|
| Superávit en 31 de diciembre de 1966 | | 21.191,37 | |
| Cotizaciones | 63.026,— | | |
| Complementos voluntarios cotización | 200,— | | |
| Cuotas de extranjeros | 2.965,— | | |
| Donativos | 5.877,— | | |
| Exámenes | 500,— | | |
| Venta material | 784,— | | |
| Intereses | 158,60 | | |
| Libroservo 1963 | 344,41 | | |
| Libroservo 1964 | 4.785,25 | | |
| Libroservo 1965 | 9.775,66 | | |
| Libroservo 1966 | 7.533,65 | 95.949,57 | 117.140,94 |

PAGOS

| | | | |
|---|---|---|---|
| *Boletín:* | | | |
| Composición e impresión | 48.125,60 | | |
| Fotograbado | 7.222,— | | |
| Patente Boletín, Fac. Clark M. | 2.100,— | | |
| Sobres | 1.885,— | | |
| Gratificación Director | 1.000,— | | |
| Campaña Navidad | 250,— | 60.582,60 | |
| Cuota de U. E. A., 1967 | 3.920,— | | |
| Informoficejo | 2.000,— | | |
| Información y propaganda | 6.540,— | | |
| Papel, sobres, tarjetas, etc. | 682,50 | | |
| Impresos | 405,— | | |
| Telegramas | 336,50 | | |
| Sellos de correos | 7.993,85 | | |
| Material escritorio | 232,50 | | |
| Limpieza máquina escribir | 550,— | | |
| Fotocopias | 20,— | | |
| Tasas Gobierno Civil | 110,— | | |
| Directorios | 6.932,— | | |
| Loterías | 150,— | | |
| Déficit Congreso Palencia | 1.785,— | | |
| Obsequio a los congresistas en Zaragoza | 1.800,— | | |
| Sobres y postales JIK y Esp. filatelia | 73,60 | | |
| Homenaje Drs. Herrero, Sancho Izquierdo y Julio Baghi | 6.449,— | | |
| Libros diversas Bibliotecas | 464,— | 40.443,95 | 101.026,55 |
| Superávit en 31 de diciembre de 1967 | | | 16.114,39 |

*MARIA PILAR GOMEZ, Tesorera*

ELDONA FAKO DE H. E. F.

He aquí las cuentas de esta sección:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Capital a amortizar | | | 8.129,50 |
| GASTADO | | | |
| Material diverso | 12.643,50 | | |
| Premio Concurso | 360,— | 13.003,50 | |
| INGRESADO | | | |
| Venta material | | 17.211,— | 4.207,50 |
| Debe la Eldona Fako | | | 3.922,— |

*27-a de julio ĝis 3-a de aŭgusto*

Karaj gesamideanoj:

Nome de L. K. K. ni kore dankas al la estraranoj de Landaj Junularaj Asocioj kaj komitatanoj de TUTMONDA ESPERANTISTA JUNULARA ORGANIZO pro la tre favora intereso pri la unua Informilo kaj turisma prospekto rilate al nia 24-a I.J.K. de TEJO verkita de P-ro Jaime Aragay. Jam alvenis multaj informpetoj kaj tio kio estas vere agrabla: la unua eksterlanda aliĝo kies sendintino estas:

NICOLE TEASDALE 1778 Notre-Dame, TROIS-RIVIERES, QUEBEC. KANADO.

Tiel do gekaruloj ni esperas ke ankaŭ vi pripensu viajn eblecojn kaj intencojn partopreni 24-an IJK de TEJO.

Jen la nomoj de nia Loka Kongresa Komitato.

PREZIDANTO: S-ro José Serrano
VICPREZIDANTO: S-ro Salvador Aragay
SEKRETARIINO: S-ino Magencia García de Font
KASISTO: S-ro Joan Font

*Komisiitoj*

EKSKURSOJ: S-ro Francisco Ruiz
GRAVURAĴOJ: S-ro Jordi Guma
SEKRETARIAJ AFEROJ: S-ino Josefina Girona de Aragay
INFORMADO: P-ro Jaime Aragay
AŬTORITATAJ RILATOJ: P-ro Evelio Calvet

Kelkaj junularaj kaj nejunularaj revuoj publikis partojn de niaj informoj, tamen ni atentigas la S-rojn Redaktorojn kiuj ankoraŭ nenion publikigis ke ni treege deziras ke ili uzu niajn informojn kaj prospektojn ĉar la devizo de nia Informfako estas ke ĉiuj esperantistoj el la mondo eksciu pri la kongreso. Antaŭdankon!

Ĝis nun estas aliĝintaj 30 esperantistoj.

## KONGRESAN ENKETON

Ĉu vi partoprenis superan, mezgradan, aŭ elementan E-Kurson? ................
Ĉu vi estas estrarano de internacia aŭ landa E-Asocio? ............................
Ĉu vi partoprenos la 54-an U. K. on en Madrido? ......................................
Ĉu vi scias naĝi? .............. Ĉu vi estas preta esti naĝzorganto? ... ............
Ĉu vi partoprenos nian sportan konkurson? .................................................
Ĉu vi partoprenos la oratoran konkurson? ....................................................
Kian temon vi prezentos? ..............................................................................

Kongreskotizo in kluzivas ĉiujn manĝojn, loĝadon, transportilojn kaj kongresajn aranĝojn dum la kongresa semajno.

Sendu vian aliĝilon al S-ro Salvador Aragay. Str. Arce, 8-2-4. CORNELLA (Barcelono). Hispanujo. Teléfono 277,09,84.

Samtempe oni sendu la kotizon al: BANCO CENTRAL. Plaza de Cataluña, 23. Barcelona (España). Para abonar a «Caja Ibérica de Crédito y Ahorro», Sucursal Urbana núm. 3. Cornellá de Llobregat. S-ro Salvador Aragay. Cta. 121.

---

LIBROSERVO DE H. E. F.

Resumen de cuentas 1967:

| | |
|---|---|
| Cobrado de libros, etc. | 107.373,— |
| Pagado de libros, etc. | 91.667,67 |
| Beneficio | 15.705,33 |
| Gastos generales | 1.665,85 |
| Beneficio líquido | 14.039,48 |

Zaragoza, 31 de diciembre de 1967.

*INES GASTON*

Por tiuj kvin tagoj estas planita tre bela Postkongresa Ekskurso tra Zaragoza-provinco, enirante en NAVARRA, kie vi povos ĝui la gajecon de la folkloro de nia najbara regiono, kaj ekskurso al la Pyrene-a montaro (provinco Huesca — Ueska).

Por ke niaj vizitantoj estu pli komforte gastigataj, ni prizorgis la loĝadon en hoteloj. Do, la Postkongreskotizo estas fiksita laŭ kategorio de hotelo, en dulitaj ĉambroj.

La prezoj po persono estas jenaj:

| *Kategorio* | *Prezo* | *Aldono por 1-lita ĉambro* |
|---|---|---|
| Luksa, «Gran Hotel» | 5.285 ptj. | 585 ptj. |
| Unuaklasa A, «Hotel Goya» | 4.596 ptj. | 575 ptj. |
| Unuaklasa B, «Hotel París» | 4.324 ptj. | 550 ptj. |
| Duaklasa, «Hotel Oriente» | 3.860 ptj. | |

En la tri unuaj kategorioj, la ĉambroj havas ban-ĉambron aŭ duŝon.

*Forveturo de Madrid.* — Ĝi okazos dimanĉon la 11-an de Aŭgusto frumatene per klimatizitaj aŭtobusoj, alveninte al Zaragoza, vespere, post viziti MONASTERIO DE PIEDRA (Ŝtona Monaĥejo) kaj ĝian mirindegan parkon. Dum la sekvantaj tagoj, krom vizito al la urbo, oni ekskursos al MONCAYO (Monkajo) kaj TARAZONA, tra VERUELA, reveninte al Zaragoza tra NAVARRA, kaj al HECHO OZA (prov. Huesca) en la Pyrene-a montaro.

*Reveturo al Madrid.* — Ĝi okazos vendredon, la 16-an de aŭgusto frumate.

Postkongresanoj, kiuj ne deziros reveturi al Madrid ĉar ili deziru forlasi Hispanujon tra Katalunaj aŭ Aragona landlimon, bonvolu tion komuniki al la organizantoj de la Postkongreso.

La prezo inkluzivas la tutan programon de la Postkongreso, vojaĝon per komfortaj aŭtobusoj kaj gastigadon, kun manĝoj kaj servomono, ĝis la alveno en Madrid post tagmanĝi.

La koloraj glumarkoj kaj poŝtkartoj de la Postkongreso, estas aĉeteblaj en Sekr-ejo de H. E. F., Avda. Marina Moreno, 35-4.° ZARAGOZA (Hispanujo). *Prezo: Folieto ses glum. 3 ptj., poŝtkarto 3 ptj.*



Angulo de la Esperanto Muzeo en San Pablo de Ordal, kies posedanto estas S-ro. Hernández Izal.



# 53ª Universala Kongreso de Esperanto

Okazonta en Madrid de la 3ª ĝis la 10ª, VIII, 1968
Sub la Alta Protektado de Lia Ekscelenca Moŝto
Ĉefgeneralo Franco, Ŝtatestro de Hispanujo


Konstanta adreso:

Nieuwe Binnenweg 176
ROTTERDAM - 2 (Nederlando)

Poŝtkesto 19039
MADRID (Hispanujo)


## Ĝeneralaj Informoj

Roterdam, la 30-an de jan. 1968.

*Dua Bulteno.* — Ekde februaro ĉiu aliĝinto ricevas la Duan Bultenon. En ĝi troviĝas, krom ĝeneralaj informo pri la Kongreso, la mendiloj por loĝado, ekskursoj, bankedo, k.t.p. La Loka Kongresa Komitato povas plenumi la mendojn de la Kongresanoj nur se tiuj estas faritaj pere de la mendiloj troviĝantaj en la Dua Bulteno.

*Limdato.* — Ni atentigas ke la lasta limdato por aliĝo al la Universala Kongreso estas la 25-an de junio 1968. Post tiu dato aliĝoj ne plu estas traktitaj kaj la aliĝkotizo restos je dispono de la paginto. En esceptaj kazoj LKK rajtas akcepti aliĝojn dum la kongresa semajno, sed tiam la aliĝanto devas krompagi la sumon de 25.— ned. gld., sendepende de la kotiza kategorio. Por aliĝantoj dum la Kongreso LKK ne certigas la liveron de la kongresaj dokumentoj.

*Fervoja Rabato.* — Kun la Dua Bulteno estas sendita al ĉiuj aliĝintoj loĝantaj en Eŭropo speciala karto, per kiu ili ricevas la rajton ĝui 25 %-an rabaton je aĉeto de fervoja revenbileto al Madrid. La karto estas akompanata de detalaj klarigoj pri ĝia uzo.

*Foto-Konkurso.* — La limdato por la sendo de konkursaĵoj estas fiksita je la 1-a de julio 1968.




TIP. C. BOLOIX -REINA FABIOLA, 7 -ZARAGOZA

L. D. 53 Z-7 63